DUMONATA. N-ro 2. — DECEMBRO 1946.

BULTENO DE

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

Pour renseignements au sujet de l'Espéranto, s'adresser : Om inlichtingen over Esperanto, men wende zich :
**230, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gent).**

## INTERNACIAJ FAKAJ KONGRESOJ

*Vi legis, en la antaŭa numero de la Bulteno, iom pri memoraĵoj de Carlo Bourlet pri internaciaj Kongresoj. Carlo Bourlet, kiu estis klera matematikisto kaj profesoro de mekaniko en la Konservatorio de Artoj kaj Metioj en Parizo, mortis en la jaro 1913. Liaj rememoraĵoj estas do skribitaj antaŭ proksimume 35 jaroj.*

*Vi povus kredi, ke de tiam la lingvan demandon oni sukcesis solvi por internaciaj konferencoj ? Tute ne ! La situacio estas ankoraŭ nun tia, kia ĝi estis en tiuj pratempoj.*

*Oni ja klopodis ĝin plibonigi per tujaj tradukoj, dissenditaj per telefonoj. Sed pruvoj montris, ke tiu sistemo estas tre multekosta kaj povas esti pli malpli utila nur kiam temas pri ĝeneralaj aferoj. Lertaj tradukistoj estas tre maloftaj en la fakaj kongresoj, ĉar la tradukisto devas bone koni la fakon mem, se ne, li ne sukcesos doni klaran ideon de la temo pristudata.*

*Mi lasttempe ĉeestis Internacian Kongreson de Ortopedio. Oni uzis francan kaj anglan lingvojn. Ĉiufoje, oni petis tradukon en la alian lingvon. La paroladoj daŭris do duoblan tempon... Tiuj, kies gepatra lingvo ne estas unu el la du menciitaj lingvoj, estis devigataj paroli en fremda lingvo, kaj oni bone sentis, kiom tio estis malfacila por ili. Ĉiuj legis antaŭ-preparitaj tekstoj. Veraj diskutoj ne okazis.*

*Tiu kiu ĉeestis esperantan kongreson, scias kiel facile kaj flue okazas diskutoj en ĝi. Mi memoras diversajn kunsidojn de kuracistoj dum la universalaj kongresoj; speciale interesa estis tiu, okazinta dum la Antverpena Kongreso; ĝin prezidis P-ro I. Gunzburg; ĝi estis vere internacia scienca kongreso; la prezentitaj temoj estis vigle diskutataj de la multnacia ĉeestantaro; neniam mi trovis saman atmosferon en la ordinaraj kongresoj.*

*Mi kunigis por tagmanĝo kelkajn diversnaciajn partoprenantojn de la Ortopedia Kongreso kaj mi uzis la okazon atentigi ilin pri Esperanto. « Fakte, mi diris, ĉion kion vi aŭdis dum la kunvenoj vi pli facile povos profiti legante ĝin en la aperontaj raportoj pri la kongreso. Sed vi ne trovos en la raportoj la intiman kaj amikan interrilaton kun la aliaj ĉeestantoj, kiun vi ĝuas ĉirkaŭ tiu ĉi tablo. Bedaŭrinde ĝi estas malfaciligita pro la lingvaj baroj. Ĉu vi ankaŭ ne klopodus forigi ilin per nia internacia lingvo Esperanto ? »*

*Dum la vesperoj okazis diversaj akceptoj inter aliaj unu en nia fama Brusela Urbdomo. La gazeto « Pourquoi Pas ? » publikigis raporton pri ĝi, kaj finas per la sekvantaj linioj :*

*« Un peu regrettable de finir dans la Salle des Mariages, pour écouter des extraits de « Britannicus ». N'imputons pas aux artistes, qui furent excellents, la fuite de quelques auditeurs impatients, après les premières scènes. Il s'agit d'un congrès international, et Racine n'est pas traduit en Esperanto ! »*

D-ro P. KEMPENEERS.

## ENGELSCH ALS INTERNATIONALE HULPTAAL ?

De Engelsche taal is huidig naar de mode. Zoodra de bevrijding, heeft zich eenieder, die Engelsch geleerd had, liefelijk toegenegen aan de talrijke Engelsche en Amerikaansche soldaten, die in de bevrijde landen vertoefden. Zulks was opperbest. In alle havens der wereld vinden de matrozen kijkramen met het opschrift : « Englisch spoken ». (Er zijn daarenboven ook in de omligging van vele havens berichten betreffende andere talen.)

De Engelsche spraakleer is eenvoudiger dan die der meeste Europeesche talen. Nochtans mag men ze geenszins volmaakt verklaren.

In 1887 heeft de « American Philosophical Society » de vraag van een internationale hulptaal bestudeerd. Ze heeft de zoekers aangeraden een taal te vormen hebbende een zeer eenvoudige spraakleer, in den zin der Engelsche taal. Maar terzelvertijd verklaarde ze dat de hulptaal moet bestaan uit elementen aan Engelsch, Duitsch, Spaansch, Fransch, Italiaansch en Russisch ontleend, « en dat ze heelemaal phonetisch moet zijn ».

Waarom heeft die geleerde Maatschappij, « van Engelsche uitdrukking », niet eenvoudig het Engelsch aanbevolen ? Omdat uitspraak en schrift, in die taal, ontzagelijk verschillen, en dat zulks een heel groote moeilijkheid voor den vreemde is; omdat het klaarblijkelijk is dat de naties niet genegen zijn aan een land (of een groep landen) de linguistische overheersching te vergunnen in de heele wereld. Ook is het op te merken dat Engelsch, zooals de andere Europeesche talen, van afzonderlijke uitdrukkingen krioelt, welke men taaleigenheden of idiotismen noemt. Taaleigenheden zijn moeilijk in het geheugen te behouden om bekwaam te worden, normaal een vreemde taal, uitbreidig en op verscheidene gebieden te bezigen.

Alwie in gewichtig schrijven of voor een gewichtige vergadering zich zou uiten in een vreemde taal, er idiotismen van zijn eigen spraak in mengende, zou zich volstrekt belachelijk maken.

En diegene die, in gewichtige gelegenheden, Engelsch spreekt met een vreemde uitspraak, zal zeker verminderd aangezien worden; nochtans is aanzien onontbeerlijk in internationale betrekkingen.

« De internationale hulptaal moet door menschen van alle nationaliteiten, zonder moeilijkheid, in alle vakken, zoo verheven ook, gebruikt kunnen worden. »

Juist wanneer « American Philosophical Society » zijn programma te Philadelphia bekend maakte, gaf Zamenhof, in Warschau, den uitslag te kennen van twaalf jaar arbeid. Zijn taal, die « heel natuurlijk » afstamt van de Europeesche talen welke zich historisch verontwikkeld hebben, is van alle hunner verwikkelingen ontlast.

De Europeesche talen vergelijkende, kan men bevestigen dat ieder hunner moeilijkeden : verschil tusschen spraak en schrift, verbuigingen, spraakkundige geslachten, onregelmatige vervoegingen, verscheidenheid in de meervoudsvormen, onregelmatigheid in het gebruik der bijvoegsels, talrijke uitzonderingen, enz., onnuttig zijn voor een klare uitdrukking van den geest : inderdaad, 't even welke dier talen is van een of meer verwikkelingen bevrijd, die in andere bestaan.

In Esperanto is er niet ééne. En nochtans bewijst zijn letterkunde dat die internationale « hulptaal » bekwaam is de diepzinnigste zoowel als de keurigste gedachten uit te drukken. Het is gemakkelijk uit te spreken, en welluidend als een zuiderlijke taal. Het heeft geen idiotismen. De uitdrukkingen zijn hoogst en alleen logisch.

Origineel van C. V. vertaald door A. JENNEN.

---

## EVOLUTION DES LANGUES

Quand, il y a 3.000 ans, les Phéniciens inventèrent un alphabet, et quand, plus tard, les Grecs de l'antiquité perfectionnèrent l'alphabet phénicien, le but était d'« écrire exactement ce qu'on disait ». Les Grecs réussirent fort bien dans cette recherche; ils ont réalisé le « phonétisme de l'orthographe ».

Mais les fantaisies du langage populaire et la tendance des écrivains qui ont modelé les langues littéraires modernes, à conserver dans les mots écrits des traces de sons qu'on ne prononçait plus, ont amené dans certaines langues un désaccord entre le parler et l'écrit. C'est le contraire d'un progrès.

Ce désaccord existe surtout en français et en anglais; d'autres langues modernes ont ce défaut à un degré beaucoup moindre; le néerlandais est en voie de le supprimer.

En principe, « trois genres grammaticaux » ont dû servir à distinguer entre eux : les êtres de sexe masculin, les êtres de sexe féminin et les choses, abstraites ou concrètes, sans sexe. (Telle est la définition donnée par Larousse.) Mais déjà dans l'antiquité, la confusion s'est mise dans les genres.

Puisque certaines choses sans vie ont été classées au masculin ou au féminin, le neutre a perdu son utilité et a disparu de certaines langues (français, italien). Et, faisant un pas de plus, l'anglais a pratiquement abandonné les genres grammaticaux, puisque l'article est unique et invariable, et que l'adjectif ne change pas de forme, pas même s'il se rapporte au nom d'une dame. On est ainsi arrivé à la régularité après de nombreux siècles de désordre.

Le grec et le latin avaient des « déclinaisons » diverses; les langues modernes en ont moins; certaines, comme le français, n'en ont plus. D'autres, dont le néerlandais, les abandonnent; en anglais, elles sont inexistantes. L'emploi judicieux des prépositions rend les « déclinaisons inutiles ». Voilà encore un progrès.

*Français :* j'aime, tu aimes, il aime, nous aimons, vous aimez, ils aiment.

*Italien :* amo, ami, ama, amamo, amati, amano.

*Anglais :* I like, you like, he likes, we like, you like, they like.

*Flamand :* ik bemin, gij bemint, hij bemint, wij beminnen, gij bemint, zij beminnen.

*Esperanto :* mi amas, ci amas, li amas, ni amas, vi amas, ili amas.

Comparant les cinq lignes ci-dessus, on voit que dans certaines langues le pronom personnel et les désinences variables des verbes font double emploi.

On peut aussi comparer les langues au point de vue : des modes de formation du pluriel des noms et des adjectifs; de l'emploi plus ou moins régulier ou fantaisiste des suffixes; de l'invariabilité ou de la flexion des racines, et d'autres particularités, parmi lesquelles s'égare celui qui veut apprendre une langue étrangère. Et pour chacun de ces points on remarque qu'une langue a évolué, plus qu'une autre, vers la simplicité. Mais ces évolutions, si elles ne sont pas dirigées méthodiquement, exigent des siècles.

L'Esperanto est dû à une homme de génie, le Polonais Zamenhof, qui a fait la fusion des langues européennes en retenant les éléments nécessaires et en rejetant les scories inutiles (dont la diversité des conjugaisons). Il a ainsi formé « naturellement » une langue « auxiliaire » facile, sonore comme l'italien, et capable d'exprimer les idées les plus abstraites. Elle est destinée à faciliter la coopération intellectuelle internationale, dont le Monde a grand besoin. (Et non pas à supprimer les langues nationales, comme on l'entend quelquefois dire par des gens très mal informés.) C. V.

---

## « JEN PER KANTO, JEN PER VORTO »

Oni povas propagandi, montrante per **fakto** ke Esperanto estas belsona, same kiel la Itala kaj la Hispana lingvoj : la fakto estas kanto aŭ deklamo. Afablaj sinjorinoj aŭ fraŭlinoj kiuj bonvolos tiel helpi, trovos ĉi sekve tiucelan deklamaĵon (de W. P. Bonbrigt).

## LA AMPROVO

Vivis iam princino tiel bela kiel la luno, kaj eĉ pli saĝa ol ŝi estis bela; kaj ŝi havis multe da amantoj. Ĉiuj reĝidoj en la najbaraj landoj aŭdis la raporton de ŝia beleco, kaj gaje rajdis al la glora kortego de ŝia patro, celante, se estus eble, edziĝi kun ŝi. Ili estis ankaŭ aŭdintaj, ke estis ia ekzameno, kiun ĉiu pretendanto al la princina mano devas entrepreni : sed al neniu el ili venis ia dubo pri lia kapablo fari la necesajn provojn. Tamen la princino estis nun dudek-kvinjara, kaj ankoraŭ fraŭlino.

Tre teruriga devas esti la ekzameno, por povi malsukcesigi tiom da gloramuloj.

Fine venas sur blanka ĉevalo princo orbukla aglokula. La belulino, kiu estis preskaŭ perdinta esperon, ĝojis en si mem, vidante lin.

« Fine venas la longe esperato », flustris ŝi mallaŭte.

Post kelkaj tagoj pasitaj per brilaj ludoj kaj ceremonioj, alvenis la tempo por proponi al la kandidato la ekzamenon.

Oni lasis la princon kaj la princinon solaj en la granda salono. Iom embarasata, la princino komencis paroli :

— Ĉu vi vere amas min, Sinjoro ? ŝi demandis la princon, kiu estis apude rigardante ŝin.

— Pli ol Dio mem, ho karulino mia, li ekdiris fervore.

— Atendu, Sinjoro, ŝi interrompis lin, tiajn vortojn devas uzi nur provofarinto; ĝis tiam, mi ne estas « via », Sinjoro.

— Pardonu al mi, Princino; sed la provo ? Kian provon mi ne gaje farus por vi ? Ĉu mi devas mortigi flamelspirantan drakegon, aŭ alporti al vi pomojn el la ĝardeno de la Hesperidoj, aŭ ĉerpi por via plezuro akvon el puto ĉe fino de la mondo ?

— Ĝi estas io multe pli facila... kaj multe pli malfacila ankaŭ, mi timas. Vi nur devas skribi al mi leterojn.

— Leterojn ?

— Jes, leterojn. Unu ĉiun tagon.

— Ĉiun tagon ?

— Jes, ĉiun tagon; kaj dum tuta jaro.

— Dum tuta jaro ? Sed vi skribos al mi, ne vere, Princino ?

— Eble; se mi troviĝos tiel inklina.

Ombreto pasis trans lian vizaĝon. Sed tuj li rekaptis kuraĝon.

— Ho, ne gravas tio. Estos necesaj almenaŭ tiom da leteroj por esprimi mian amon al vi.

— Vi ne devas paroli pri via amo. Vi tute ne devas paroli pri amo.

— Kion... ne pri amo... pri kio do mi devas skribadi?

— Tio estas via afero, Sinjoro, sed interesaj devas esti la leteroj. Kaj estas io plu.

— Io plu?

— Jes..., se iam mankos letero... se iam tago pasos sen vorto de via flanko... la tuta laboro perdiĝos...

— Kaj se mi sukcesos plenumi la kondiĉojn... tiujn strangajn kondiĉojn... vi fariĝos tiam mia kara edzino?

— Mi nenion promesas, Sinjoro; estas parto de la provo ke mi nenion promesu; ĉi vi akceptas tiajn kondiĉojn?

Senvorte li pripensadis. Stranga provo, vere, por kavalira princo. Kaj eble je la fino, nenia rekompenso.

La princino daŭrigis sian paroladon :

— La provo montros du aferojn, vi vidas, diris ŝi reveme.

— Kiujn do? demandis li.

— Ĝi montros al mi ĉu vi vere amas, kaj tion, kio estas apenaŭ malpli grava, kia viro vi reale estas. Mi ne volus edziniĝi kun nekonatulo.

La ombro de rideto ludis ĉirkaŭ la anguloj de ŝia dolĉa buŝo.

— Mi ne estas simila al miaj fratinoj en tiu rilato...

Tio estis tute nova ideo al la princo. Tiutempe oni ne konsideris la konatecon kiel necesaĵon por edziĝo. Li rigardis denove sian kontraŭulinon. Belega ŝi estas, tion neniu neus, li pensis. Kaj se mi amas ŝin en la vero, ĉu io devas esti malfacila? Almenaŭ mi faros mian eblon por gajni ŝin. Kaj tre kortegame li diris al la atendanta princino :

— Morgaŭ la unua letero estos en viaj blankaj manoj.

— Mi dankas al via Princa Moŝto, ŝi respondis kliniĝante...

— Adiaŭ do, ĝis la jaro estos pasinta.

Kaj sen aliaj vortoj ili disiĝis... por renkontiĝi... neniam.

La Princino, oni diras, estas ankaŭ fraŭlino.

## ESPERANTO KAJ KOMERCO

« KOMPRENI », organe mensuel de la Fédération Espérantiste Rhône-Alpes, enhavas en sia Novembra kajero, interesan franclingvan redaktaĵon. El ĝi ni ĉerpas jenon : Oni longatempe pensis ke, konante la anglan, la germanan, la hispanan kaj la francan lingvojn, oni povas interkomunikiĝi kun la tuta Mondo. Tiu opinio estas iom malprofunda : al eksportisto de kotonaj teksaĵoj estas utile koni la araban lingvon, por eniri la vastan Mahometanan kampon.

Se li konas la italan lingvon, li trovas, pere de makleristoj en Trieste, vendeblecon en la Adriatika baseno. Por trafi la grandegan ĥinan klientaron, la angla lingvo estas ne sufiĉa helpanto. La hispana lingvo, tre utila por la rilatoj kun Latina Ameriko, nur duone malfermas la pordojn de l'Brazila merkato, riĉega je nunaj rimedoj kaj je estontaj eblaĵoj.

Rimarko de l'tradukinto. — La oficiala lingvo en Brazilo estas la portugala.

## 32a UNIVERSALA KONGRESO

La 32a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Bern, Svislando de la 26a de Julio ĝis la 2a de Aŭgusto 1947. Niaj abonantoj ricevos aliĝilon kun tiu ĉi numero. Aliaj aliĝiloj kaj informoj estas riceveblaj de R. B. L. E., 19, avenue Montjoie, Uccle (Bruselo).

## PETO PRI AGO

Ĉiu esperantisto estas amike petata varbi novajn lernantojn pri Esperanto, kaj ankaŭ perfektigi sian propran kapablecon pri la helpa lingvo. Per la « kompetenteco » de la esperantistoj devas veni la venko.

Por varbado, la petskribado al O. N. U. estas okazo unika kaj bonega. Ĉiu esperantisto havu la fervoron subskribigi de neesperantanoj, kelkajn deklarfoliojn. Por rikolti subskribojn, nenio estas pli taŭga el persona alparolo kun mallonga klarigo. La sperto montris ke la sendo de folioj, per la poŝto, ne taŭgas : almenaŭ 95 % el la tiel petataj personoj ne respondas, ne pro kontraŭeco al Esperanto, sed pro forgeso aŭ indiferenteco. Ec ne malmultaj esperantistoj, ricevinte bultenojn per la poŝto, ne subskribis. Tiuj vekiĝu.

Por emigi subskribinton de Deklaro, al lernado de Esperanto, oni ne postulu ke li TUJ eklernu; oni unue nur faru pri tio ĝeneralan aludon; sed, post kelkaj tagoj (aŭ semajnoj) oni sciigas novaĵon pri Esperanto (ne fanfaronaĵon); oni montras aŭ pruntedonas malgrandan esperantan dokumenton; oni legigas la nacilingvajn redaktaĵojn aperintajn en nia Bulteno, k. t. p. Tiel tiu persono, aŭdinte kaj vidinte PLURFOJE pri Esperanto, konvinkiĝas ke tiu lingvo vivas: kaj fine la intereso naskiĝas.

Generale la Publiko aŭdis ion pri Esperanto, sed ne multe pli ol la nomo. Sekve, oni havas pri la helpa lingvo ideojn tre erarajn.

Al varboto por lernado oni ne promesu tujan gravan utilon personan; ni ne estas ĉarlatanoj. Sed oni montru la malfacilaĵojn, kiuj malhelpas la intelektan kunlaboradon inter homoj, kies gepatraj lingvoj estas malsamaj. Oni atentigu pri la nobleco esti intelekte malegoista.

La nombro de Deklaroj subskribitaj en Belgujo, estas nun proksimume 4.000. Ni daŭrigu senlace. Ĉiuj helpu : KREDO SEN AGO ESTAS KREDO MALVIVA

## TRA LA GAZETARO

— En *Le Face à Main* de 1la de Novembro 1946, en rubriko « Legantoj demandas » : De kie venas Esperanto ?

*Respondo.* — D-ro Zamenhof, naskiĝinta en Bielostoko, rusa Polujo, la 15an de Decembro 1859, eldonis sian unnan libron pri universala lingvo en julio 1887, sub pseŭdonimo de D-ro Esperanto, nomo kiu poste estis donata al la lingvo. La unua universala kongreso de Esperanto okazis en Francujo en la jaro 1905. D-ro Zamenhof mortis en Vieno en la jaro 1917.

*Tio estas eraro : D-ro Zamenhof mortis en Varsovio kaj ne en Vieno.*

— En *Le Soir* de 21a de Novembro 1946, en artikolo de Julien Benda kun titolo « Mise au point » ni legas.

« Une position curieuse fut celle de M. Robert Aron, me dénonçant comme « totalitaire » parce que je souhaite, pour l'unité de l'Europe, l'adoption d'une langue européenne se superposant aux langues nationales. Je n'ai pas besoin de signaler à mon lecteur l'étrangeté d'un procès aux termes duquel la monarchie française, en ordonnant que justice fût rendue en français par tout le royaume et non plus en patois locaux, la Révolution en exigeant autant pour la prédication religieuse, auraient été totalitaires. »

— En *La Vie Médicale*, n-ro 21, de la 1a de Novembro 1946, longa artikolo de

D-ro Kempeneers pri internaciaj medicinaj kongresoj kaj la lingvaj malfacilaĵoj; Esperanto povas alporti kontentigan solvon. La artikolo finiĝas per aludo al la petskribo al O. N. U. kaj invitas la legantojn postuli la necesajn presaĵojn. Kelkaj legantoj jam faris tion.

## GRUPAJ KRONIKOJ

BRUSELA GRUPO havis la plezuron, dum la monato Oktobro, ricevi tri vizitojn de samideano Teixera, el Lisbon, kiu vojaĝis en Belgujo. La 26an de tiu monato, la Grupanoj, gvidataj de S-ro Derks, vizitis la aviadokampon en Melsbroek, kaj vidis forflugon al Kongolando. La duan de la sama monato, F-ino Obozinski vizitis la Parizan Esperantistan Grupon, kaj kunportis la saluton de tiu Grupo al la Belgaj samideanoj.

*Programo de festontaj kunvenoj.* — *Decembro* : la 2an, 19 h. 30, komitata kunveno: 20 h. 30, S-ro Hart parolos pri « io ajn »; la 9an, S-ino Stern, pri « bestoj, niaj amikoj »; la 16an, Zamenhofa vespero; la 23an kaj la 30an, ne okazos kunvenoj; Dimanĉon la 15an, Zamenhofa festo, 19 h., en « L'Etrille », 7, Rollebeekstrato. Enirprezo : 10 frankoj. Venu multaj.

*Januaro :* la 6an, 19 h. 30, komitata kunsido; 20 h., S-ro Kempeneers respondos al demandantoj (ĉiuj parolos): la 13an, S-ro Bas, pri « Telegrafo dum la jarcentoj »; la 20an, ĝenerala jarkunveno, raportoj, elekto de komitatanoj; la 27an, F-ino Hamelrijk, « Humoraĵoj ».

*Februaro :* la 3an, 19 h. 30, komitata kunsido; 20 h., S-ro Vanderstempel, « Aŭtomobilaj akcidentoj »; la 10an, S-ro Oleffe, « Vojaĝo en Oriento »; la 17an, F-ino Kestens, « Surprizo »; la 24an, S-ro Couppez, « Pri la interna organizado de Societoj ».

*Promenadoj.* — Rendevuo 14 h. 30 : la 8an de Decembro, Pordo de Tervueren; la 22an, Baziliko (finhalto de tramveturilo 20): la 5an de Januaro, Pl. Meiser (direkto Schaerbeek); la 19an, Pl. Liedts (dir. Vilvorde); la 2an de Februaro, finhalto de tram. 9 (Uccle) (dir. Linkebeek); la 16an, Pl. Rouppe, surprizo; la 30an, Ponto de Woluwe (Boitsfort). Oni esperas multajn amikojn ĉiam kaj ĉie.

GENT'A GRUPO kunvokas siajn anojn ĉiufoje per sendo de presita karto. Dum la monato Oktobro S-ino De Rijcke vojaĝis al Anglujo por ĉeesti la Kongreson de la *Internacia Asocio de Poŝtmark-kolektantoj*, kaj tien portis leteron enhavantan la saluton de Gent'a Grupo de Belga Ligo Esperantista. Je la fino de Oktobro ni ricevis ĝentilan leteron dankan, el Londono, kun saluto al la Grupo kaj sciigo ke S-ino De Rijcke fariĝis sekretariino de la Komitato de la I. A. P. K., kies anoj estas, unuj esperantistoj, aliaj ne esperantanoj. Ni gratulas S-inon De Rijcke, kaj deziras al la I. A. P. K. ke ĉiuj ĝiaj anoj fariĝu esperantistoj.

NIVELLES. — La Grupo kunsidas la duan kaj kvaran mardojn de ĉiu monato, je 7 h. 30 en la kolegio (Faubourg de Mons, 1); ĝi bonvenigos eventualajn vizitantojn.

BRUĜA GRUPO. — Kurso kaj posta kunveno okazas en malgranda intima salono, bone hejtata, de la sidejo « Cornet d'Or ». Ek de la 17a de Decembro la Mardaj kunvenoj malfermiĝas denove je la 8a vespere. Mardon, la 14an de Januaro 1947, je la 8a, en sama ejo, ĝenerala kunsido de la Grupo : elekto de la komitato, raportoj, k. t. p.

La kotizoj por 1947 povas, de nun, esti pagataj ĉu dum kunveno, ĉu al la kasisto S-ro K. Decoster, Verbrand Nieuwland, 4, ĉu al la P. Ĉ. K. 2114.92 de la prezidanto, Ch. Poupeye, Brugge.

---

## NEKROLOGO

La 29an de Oktobro mortis en Bruselo, S-ro P. E. P. M. ROBERT, inĝeniero A.I.Lg. A.I.Ms, Komandoro de l'Kronordeno, Oficiro de la Leopolda ordeno, Oficiro de la Honorlegia ordeno (Francujo), patro de S-ro advokato Jacques ROBERT, administranto de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Al nia samideano ni kondolencas tutkore. B. L.

---